*Intervjuo kun Gonçalo Neves:*

# Kiel disŝaŭmiĝas mara ondo

*Kio dirindas pri via privata vivo?*

Nenio eksterordinara. Mi estas 27-jara (n. 5 junio 1964), seninfana edzo, laŭprofesie agronomo laboranta en terpomfrita fabriko.

*Kaj pri via esperantisteco?*

Mi esperantistiĝis en 1987, kvankam E-on mi ekkonis kelkajn jarojn antaŭe. Tiujare kiel trimonata komencanto mi flavbleke partoprenis en la jubileaj kongresoj en Krakovo kaj Varsovio, kio definitive engaĝis min en la internacian movadon. En PEA mi rolis kiel ĝenerala sekretario, vicprezidanto kaj, lastatempe, bibliotekisto.

*En la ĉi-jaraj Belartaj Konkursoj de UEA vi ricevis la premion Nova Talento. Ĉu temas pri via premiero?*

Nu, mi ekverkis en 1989, du jarojn post mia esperantistiĝo. Tiujare mi gajnis la premion "Frederic Pujulà i Vallès" por la plej bona prozaĵo en la Internaciaj Floraj Ludoj. Post tio, pro personaj motivoj mi verke silentis preskaŭ unu jaron, kaj nur fine de 1990 mi decidis dediĉi min al la originala krea laboro, ĉefe poezia. Tiam mi gajnis du duajn premiojn (unu prozan, alian poezian) en la Literatura Konkurso "Ivo Rotkvić 90", okazigita de Zagreba Esperanto-Ligo. Ĉi-jare mi ĝis nun akiris la unuan premion en la E-a branĉo de la itallingva *Premio Internazionale di Poesia "Massimiliano Kolbe"* kaj la du jam menciitajn UEA-laŭrojn.

*Ĉu vi verkas nur konkurscele?*

Entute mi verkis kvindekon da poemoj kaj dekon da rakontoj. Tamen publikiĝis ĝis nun nur tri poemoj kaj unu rakonto. El tio vi povas konkludi kiom gravas instige konkursoj. . . .

*Ĉu malfacile alireblas eldonejoj kaj literaturaj gazetoj?*

Oni scias ke ĝenerale en tiaj medioj regas iom klika etoso. Foje ne sufiĉas talento, necesas ankaŭ favoroj kaj rekomendoj. Tamen mi ne havas emon nek tempon por kulisumi, do . . . Aliaj aŭtoroj senĝene eldonas sin mem: ĉi-kaze ne nepras talento, sufiĉas talantoj. Sed ankaŭ da ĉi-lastaj mi ne havas abundon!

*Ĉu ankaŭ nacilingve vi verkas?*

Antaŭ mia esperantistiĝo nur stultajn madrigalojn mi verkis portugallingve. Lastatempe mi aŭtoris sciencfikci-tipan romanon kaj modernan epopeon. Ĉi-lasta temas pri futurisma superrigardo pri la landmalkovra epoko. Ambaŭ verkojn mi transdonis al eldonistoj kaj ĵurioj de pluraj literaturaj konkursoj, sed sen sukceso ĝis nun. Ŝajnas ke la E-aj ĵurioj estas malpli postulemaj. . . .

*Kiuj E-aj aŭtoroj vin influis plej multe?*

Proze: Kabe, Privat kaj Schwartz. Poezie: Miĥalski kaj la frua Auld (de *Spiro de l' pasio* kaj *La infana raso*).

*Nek lia lando, nek li mem rolis tre videble en la movado ĝis nun. Sed venas ŝanĝoj. Portugalo Gonçalo Neves, la ĉi-jara Nova Talento de la Belartaj Konkursoj, parolas pri si mem, pri sia lando, kaj pri la "versmasonistoj". "Ni havas malmultege da veraj poetoj."*

*Tamen via poezia stilo sufiĉe diferencas de tiuj kaj aliaj konataj aŭtoroj. Ĉu vi celas krei novan skolon?*

Tiu termino estas misgvida. Ĝi tuj elvokas ideon pri netuŝebla, adorata skolestro kaj ties eskorto de talentaj sed skolkode katenitaj adeptoj. Tiusence mi abomenas la ideon. Tamen mi volas trahaki kaj prilumi propran vojon. Eble aliaj volos sekvi aŭ eĉ kuniri. Des pli bone. Nur gravas ke mi plenumu mian rolon, por la bono de la poezio.

*Ĉu vi opinias ĝin neglektata?*

Misflegata, mi preferas diri. *Jam temp' está* por apartigi la verajn poetojn disde la versmasonistoj.

*Kiu(j)n vi aludas?*

Ili estas diskonataj. Sufiĉe ofte en E-periodaĵoj oni tamtamas ilin kiel "klasikulojn". La versmasonistoj estas kleraj, lertaj, eltrovemaj poeziamantoj kiuj manipulas versojn aŭ versformajn tekstojn. El ilia plumo elglitas zorge konstruitaj rimritmaĵoj odorantaj klasikmodele. Ili eĉ verkas gvidlibrojn pri tia konstruarto. Kaj la adeptoj katekisme ellernas la gvidilojn, por plua masonado. La versmasonistojn tute ne zorgigas tio, ke en ilia arto mankas spontano, inspiro, sincero, fajro, ardo, vervo, limfo, do la vivo mem. Laŭ ili, nur gravas la skando, nur gravas la metriko, nur gravas la tekniko.

*Tamen aliaj skoloj sukcesis eviti tiajn ŝablonojn. . . .*

Kelkaj versistoj ja sukcesis. Sed multaj surpaŝis aliajn misvojojn malcelantajn la poezion. Anstataŭ atingi la rangon de veraj poetoj, ili iĝis *ŝtuparaj prozistoj*. Tiaj verkistoj simple disĵetas prozaĉajn frazojn sur paperon kaj ilin kunmetas ŝtupare, versforme. Tamen tiaj elplumaĵoj senas je koncizo, koncepta denseco, vortekonomio, metaforo, sugestpovo, fantazio, imag- kaj imagig-kapablo, sentigo . . . Ili estas krude kaj ŝoke priskribaj, anstataŭ metafore aludaj. Se mankas la ĉefaj trajtoj poeziaj, ili ne povas esti veraj poemoj, sed nur ŝtuparaj prozaĵoj.

*Ĉu ne temas pri tro pesimisma prijuĝo pri nia originala poezio?*

Ne tro. Ne forgesu ke ni havas malmultege da veraj poetoj (eĉ ne la kvinonon de tiuj svarmantaj en antologioj kaj krestomatioj). Ne forgesu ankaŭ ke tiaj poetoj pro nekomprenebla minuskomplekso forrabas grandan parton de sia verktempo por produktado de tradukoj. Ne forgesu finfine ke la lingvo estas ankoraŭ adoleska. Eĉ tiakondiĉe jam aperis veraj perloj, eĉ mondliteraturaj majstroverkoj, ekzemple *La infana raso* de Auld, kaj *Kiel* de Kamaĉo.

### Trois flageco kaj verdsteleco

*Nun aliteme. Kiel fartas la E-movado en Portugalio?*

Nu, agnoskendas ke ĝi ankoraŭ estas unu el la plej malfortaj en okcidenta Eŭropo. Evidente ĝi trapasis flusajn kaj malflusajn epokojn, kiel ĉiuj aliaj naciaj E-movadoj. Tamen la ĉefa problemo laŭ mi estas jena: Esperanto *neniam* enradikiĝis en Portugalio, neniam kreiĝis lingva tradicio, neniam forĝiĝis kontinua movada ĉeno. Esperanton oni ĉiam emis flegi idee, ideale, idealisme, teorie, abstrakte, sed ne konkrete, ne praktike, ne lingve, ne verke. Ekestis entuziasmo, trois flageco kaj verdsteleco, sed la lingvo neniam bonfartis buŝe kaj plume. Taŭgajn lernolibrojn oni ne verkis, nur tradukadaptis el la franca, kaj prononce oni eĉ enkondukis la fifamajn "regulojn" de Louis de Beaufront; tial ĝis antaŭ nelonge oni malbele *paaaĥooolis* en Portugalio.

*Kiujn faktojn vi povus prezenti por motivi la mankon de lingva tradicio?*

Iom amare mi devas konfesi ke, laŭ mi, al Esperanto alvenis kaj aliĝis ne la



taŭgaj homoj: nur idealistoj kaj revuloj varbiĝis, kaj per tiaj brikoj ne eblas elkonstrui solidan bazon de forta movado. Krome, kaj ĉefmotive, tute ne sentiĝas en Portugalio la lingvo-problemo, malkiel en multaj aliaj landoj. La portugala lingvo kristaliĝis el la latina jam en la 12-a jarcento, kaj sendialekte ĝi rapide invadis la tutan formiĝantan landon. Portugalion ĉirkaŭas la senlingva oceano, escepte de la limo kun Hispanio, sed pro la ega simileco de la portugala kaj kastilia lingvoj, neniam estiĝis komunik-embarasoj inter la najbaraj landoj. Pro geografiaj kaj historiaj cirkonstancoj, portugaloj simple ne konscias la lingvo-problemon. Alia faktoro estas la sen-pripensa imitemo kaj la subiĝemo al la modo, aferoj kiuj infektis la portugalan karakteron de post la 16-a jarcento. Preskaŭ tri jarcentojn ni ĉiel paŭsis la francojn, lastatempe la anglojn. Kaj Esperanto ne odoras france nek angle.

*Kiuj estas la ĉefaj problemoj en la hodiaŭa movado?*

La tradici-manko, neekzisto de junulara movado, manko de taŭgaj lerno-libroj kaj sonbildaj materialoj, kaj ĉefe, tro lisbona centrismo: kluboj kaj lokaj societoj tute ne troveblas ekster la ĉefurbo. Tio ege malfaciligas la disvastigon de la lingvo.

*Tamen iam svarmis kluboj tra la lando. . . .*

En apogea epoko oni efektive starigis multajn societojn kaj entuziasme propagandis la lingvon. Tamen la idea motoro de tiu klopodado estis ne por-lingva laboro kaj disvastigo sed per-lingva kontraŭreĝima agado. Esperanton oni flegis kiel politikilon, kiel kaŝkodon, ne kiel ilon por forigi la ĉiuskalan lingvoproblemon. Tia-kondiĉe ne povus elformiĝi firma fundamento de kontinua movado. Tiaj uloj volis Esperanton por municio. Kiam la reĝimo forvelkis, ili ne plu okupiĝis pri la lingvo. Tamen ili heredigis al ĝi neenviindan etikedon, kiu iel ankoraŭ sentiĝas: Esperanton oni epitetis "ruĝa lingvo".

*Kian bildon vi havas pri la estonteco de Esperanto vialande?*

Lastatempe ege pliboniĝis la instruaj kaj organizaj strukturoj de PEA. Ankaŭ ties gazeto (*Nia bulteno*) mirinde kreskis kvalite. La membraro iom plijuniĝis averaĝe. Tamen ankoraŭ solvendas la problemo pri la lisbona centrismo. Ne estas malfacile semi Esperanton tra la lando, ĉar la portugaloj estas scivolemaj, malgraŭ la aĉaj trajtoj ĉi-supre skizitaj. La grundo estas fekunda, sed la semistoj ankoraŭ tro amasiĝas en Lisbono. Lastjare ekĝermis en norda urbo junulara klubo okupiĝanta pri Esperanto. Se aliaj sekvos, Esperanton trafos efektiva tutlanda kresko. Tiam espereble portugaloj pli ofte kaj intense partoprenos en la internacia movado. Tiam pli da portugaloj ekverkos originale en Esperanto. Tiam la portugaleco finfine povos enflui en Esperanton kaj pliriĉigi ĝin.

*Pri kio temas la "portugaleco"?*

La ĉefajn trajtojn de popola karaktero difinas la ĉirkaŭa pejzaĝo kaj la vivkondiĉoj. Popolo loĝanta en dezerto sub rosta suno ne rezonas nek reagas same kiel alia popolo loĝanta en neĝa scenejo. La ĉefa geografia karakterizaĵo de Portugalio estas ĝia sandviĉeco inter la maro kaj la najbara Hispanio, kun kiu ĝi plurajn jarcentojn malamikis. Minacate dorse, la portugaloj alrigardis la maron kaj decidis ĝin alfronti, ĉar nur maren ili povus kreski. Kaj la maron signas senlima vasteco, senfina horizonto, natursovaĝa sento de libereco. Tio estas la portugaleco. Literature, aŭ pli konkrete, poezie, ĝi rezultigas ekspansi-bezonon, ribelon kontraŭ ĉiaj ĵarteloj stilaj kaj skemaj, cele al plena liberigo kaj esprimiĝo de inspiraj fortoj kaj latentaj vervoj. Nur sentinte siakorpe la dissaŭmiĝon de mara ondo, oni povos kompreni la esencon de la portugala liberamo, la kernon de la portugaleco.